# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 27/02/2014 Cent kvindek kvara eldono 01/03/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 273** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Kiel produkti sondosieron , elsendo de la 22a de feb.

Principe fari retradion estas simpla afero: ktp…………………………..



Kaj tio estas la ĉefaj obstakloj: La parolado kaj la registrado. Ktp………………………..

Ŝajnas ke la plej granda problemo estas la tekniko de la sonregistrado. Atentindas jenaj punktoj:
- la laŭteco de la enira signal
- la evito de eĥo
- la evito de fona bruo
- la elimino de ĝena spirado el la sonregistraĵo ktp………..

Do la plej tikla afero estas la produktado de la sondosiero kaj mi komprenas ke multaj esperantistoj kiuj kapablus verki sonartikolon ne kapablas sonregistri ĝin. Tiucele loka kunlaboro de esperantistoj (la teknikulo eĉ ne devas esti esperantisto) estus tre rekomendinda.

Faru viajn provojn, ne perdu la paciencon kaj fine ĝuu la rezulton. La aŭskultantoj dankos tion al vi.

**Ctrl+alklaku la ligon, kaj aŭskultu la tutan sondosieron**



# Esperanto-Domo Sidnejo

La 22an de Februaro EsperantoTV filmis en Esperanto-Domo.



EsperantoTV ĉe ED 22 feb 14, trovis Nicole en fejsbuko

## La federacio ATENDAS RESPONDON de EsperantoTV



## Esperanto-Domo en Sidnejo (AE 149)

Dimanĉon la 19an de Januaro 2014 11 venis
Interalie ni diskutis pri Esperanto-TV
EFNSK sugestis ke la TV-teamo povos uzi la kuirejon kiel studion.
Ĝi havas eksteran pordon kaj ili povos meti novan seruron sur ĝi sed la internal pordo al Esperanto-Domo nur ŝloseblas je la flanko de Esperanto-Domo.

Dum prova periodo iu ajn en la Esp doma flanko rajtos eniri kaj uzi la kuirejon. Aŭ ili povus konstrui novan simplan kuirejon en la granda ĉambro. Poste la nova studio povos esti uzata nur de la TV-teamo ĝis EFNSK petos la redonon de la prunteprenita ĉambro.

(mapo de Esperanto-Domo : vidu lastan paĝon de AE 149)

Mi serĉis la reton kaj trovis jenajn ligojn pri EsperantoTV.
http://www.istreamstudios.tv/index.php/channel/19/languages/#
http://www.istreamstudios.tv/index.php/video/31/esperanto-campaign/#
Amike, Roger Springer

## SENDU NOVAĴON, FOTOJN DE VIA KLUBO

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/

## Ludo Esperanto

Koran dankon pro "Aŭstraliaj Esperantistoj 153". Ĝi estas tre interesa kaj amuza. Amuzis min vidi http://www.esperanto.com.br/ludo



En ĝi mi subite vidis la filon de mia malnova amiko el Danujo. Mia amiko estis esperantisto kaj mi laboris kun li longan tempon en ŝipkonstruejo en Kopenhago. Tiu lia filo estas nun la mondkonata Kim Henriksen, kiu ludas akordionon kaj kantas Esperante. Tre talenta kaj amuza homo. Estis granda ĝojo revidi lin !

Plej amike,
Bob Felby



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

**Mi pardonpetas pro mia fuŝa uzo de lastjara dato (AE153)**
**Mi plusendis la mesaĝon de Heather por korekti la eraron**

Jen: re: Dato de la Melburna Esperanto-Societo Jarkunveno

Melburnaj Esperantistoj, bonvolu noti ke la jarkunveno okazos ĉi lundon, la 24an de Februaro je 6.30 ptm, ne la 4an de Marto kiel publikigita en la Aŭstraliaj Esperantistoj.
Dankon. Heather Heldzingen

Mi esperas ke la kunveno sukcesis Roger Springer

Xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx



# Jen interesa blogo (en la angla)

pri la praktika utileco de Esperanto.
http://www.sophiagubb.com/practical-uses-ive-found-for-esperanto/

Amike, Nicole

http://www.sophiagubb.com/the-esperanto-festival-jes-2012/

http://www.sophiagubb.com/why-im-learning-esperanto/

Xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

**Paĝoj de Enrique** (V 20131220) **Esperanto Español English**

## Kial Esperanto ? (Pli ol 380 ligiloj)

## 20 Kialoj por lerni kaj uzi Esperanton

**Kial tiel multaj homoj lernas Esperanton? Kio estas Esperanto?**
**En ĉi tiu retpaĝo vi vidos kelkajn el la multaj avantaĝoj atingitaj per Esperanto.**

http://esperantofre.com/faktoj/kiale.htm trovis Roger Springer

Xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx




# Ĉe Esperanto-Domo EFNSK Redfern la 16an de Marto 2014 12tm.

La 21an de marto estos Harmoni-Taga Festo. Eble ni povus havi eventon je tiu okazo. Amike, skribis Nicole

Mi sugestas ke nia marta kunveno (2014-03-16) estu ia "Harmoni-taga-




Fordonu nian ŝlosilon

festo".
Ni povus registri la eventon sur la retejo "Harmony Day": (Registrita. Venu)
http://www.harmony.gov.au/register/ Amike, Jonathan

# Ĉu vi registris vian kluban kunvenon por "Harmony Day"?




# Meetup Matenmanĝo

http://www.meetup.com/Esperanto-in-Sydney/events/168371542/
troviĝas jena informo (tradukite el la angla).

Tempo: Ĵaŭdo 6.3.2014, 8:00 - 9:00
Loko: Shortlist Cafe, 100 m de Redfern Stacio, 258 Abercrombie Strato, Darlington 2008



Titolo: Matenmanĝo por lingvokolektantoj Ĉi matenmanĝa renkontiĝo estas por ĉiuj lingvaj kolektantoj kaj lingvo-emuloj por interŝanĝi pri siaj interesoj. Parolantoj de almenaŭ 6 diversaj lingvoj ĉeestos. La Shortlist Cafe estas proksime de Redfern Stacio, farante ĝin facila por partopreni antaŭ ol iri al la laborejo.

Rainer el Germanio parolos pri kiel juna pola studento konstruis novan lingvon en 1887. Estante la plej facila lingvo por lerni, Esperanto estas nun parolata de pli ol 1 miliono da homoj en pli ol 100 landoj.

Bv. registri je la evento, eĉ se vi ne estas certa ĉu vi vere povos veni. La interretejo ankaŭ montras la nombron de partoprenantoj. Ju pli multaj des pli interesaspekta.



Ĝis baldaŭ en Manlio
Rainer



"Ŝlosilo?" estas filmo de la Aŭstralia reĝisoro Pai Cruz.

Ŝi donis al Esperanto-TV la permeson dubli la filmon al Esperanto. Baldaŭ ĝi spekteblos en Esperanto-TV.

Antaŭ semajno mi kafumis kun ŝi kaj diskutis tiun filmon, jen la intervjuo;

## Unue, ĉu vi povus resume diri al ni kiel vi eniris film-faradon. Kio antaŭ ĉio puŝis vin iĝi reĝisoro?

Mi ŝatis verki rakontojn unue pro la instigo de instruisto kaj de mia patrino. Panjo krome aĉetis al mi pupojn kaj sendis min al aktor-klasoj por helpi min esti malpli timema. Danke al la pupoj kaj al la enscenigo kun amikoj mi ankaŭ kapablis fari teatron en la lernejo.

Mi aliĝis al kursoj pri teatro kaj edukado en universitato, kiu havis nur 2 modulojn por filmo kaj televido en la unua jaro, flanke al la sceneja teatro. Mi preferis eseojn pri filmo-analizo ol teatro-analizo.

Dum mia dua jaro, nia universitato kreis apartan superan abiturientan diplomon pri filmo, televido kaj radio kaj pluraj el ni ŝanĝis al filmo, en urbo kiu gastigis film-festivalon. Mi ofte iris al kinejo kaj diris al miaj amikoj "Mi faras mian hejmtaskon!"

Filmludo ĉe universitato estis pli akademia. Ni havis minimuman praktikon kaj oni perdas multe da espero, se oni ne konscias ke necesas amaso da praktika sperto. Mi ne havis multajn ŝancojn filmi por kelka tempo post tiam.

Mi verkadis rakontojn kaj volontulis por aliaj prezentaĵoj (precipe teatraj). Fine mi legis la inspiran libron de Robert Rodriguez, "Rebel Without A Crew" (Ribelulo sen Trupo), sed decidis elspezi ekstran monon por ke mia filo povus studi en privata kristana lernejo dum sia unua lerneja jaro, anstataŭ aĉeti kameraon.

Panjo sugestis al mi instru-diplomon, ĉar la horoj kaj ferioj konformas kun infanoj – mi ankaŭ povis fari iun ajn alian krean aferon dum la ferioj. Fine oni alvokis min instrui la anglan kaj… filmo ree enlogis min.

## De kie venis la inspiro por via filmo?

"Ŝlosilo?" Estas adaptigo de 15-minuta teatraĵo, kiun mi skribis por kampara preĝejo ĉe la

suda marbordo de Aŭstralio, verko inspirita de preĝejo en Novjorko, kaj de teatraĵo, kiun mi skribis por universitata tasko.

La cetero de la enhavo estis aldonita en malmultaj tagoj ĉefe kiam mi havis tempon por preĝi. Tamen la direktoro de la scenaranĝo provokis versiojn, ĉar ili estas verkitaj pli por la ekrano ol la scenejo.

## Rakontu iomete al ni pri via lasta filmo "Ŝlosilo?" Kian ideon vi volis prezenti?

Resume ĝi temas pri la ekzisto de Sankta Spirito.

## Kiam vi fine decidas ideon, kiel vi realigas ĝin?

Unue mi bezonas tempon por konverti ideon en verkon. Poste, mi devas elekti la aktorojn. Sekve mi planas la labor-programon de ĉiuj – ĉar ĉiu el ili estas volontulo. Poste mi bezonas monatojn je redaktado, reviziado, kaj plua redaktado.

Pri la venonta projekto, mi jam sendis miajn ideojn al premiita kristana dungoverkisto, kun filmeto de la aktoro, kiun mi deziras havi kiel la ĉefan karakteron, tial ke la verko estu laŭmezura por la aktoro. Lernejo povas esti elĉerpa, do mi preferas komisii verkadon tiel ke mi povu koncentriĝi pli pri la produktado.

## Kion (vi povas diri) pri la malfacilaĵoj kiun vi renkontis filmante "Ŝlosilo?"

La konsilon kiun mi mem legis: faru kelkajn filmojn sole por lerni kiel eble plej multe pri ĉiu aspekto de film-farado, antaŭ ol starigi grandan trupon por helpi vin. Do mi taksas "Ŝlosilo?" je la nivelo de studenta filmo.

Mi havis malmultekostan kameraon kun aparta ingo por mikrofono… kun aldona statiko aŭ akraj tonoj. Finfine mi devis dubli multon, kaj tio signifas, ke la filmo plimalboniĝas kaj ne akordis kun la ĉambra akustiko.

Mia mentoro ankaŭ plendis pro tio ke filmoj povas fiaski pro improvizitaj aŭ senspertaj aktoroj. Mi antaŭe estis koncentriĝinta nur sur teknologio kiel solvo de ĉia problemo.

## Nun, kompletiginte la filmon kaj antaŭeniĝinte al pli grandaj kaj pli bonaj projektoj, kion vi plej multe lernis de tiu filmo, laŭ vi?

Mi deziris lerni plie pri lumigado en produktado kaj kolorkorektado en post-produktado, kaj mi opinias ke mi atingis tiun celon. Mi ankaŭ lernis aprezi verajn aktorojn denove! Mi multe lernis pri kreemo en film-redaktado. Mi lernis pri film-farado pli per tiu sola projekto ol per universitato.

## Ĉu ĉi tiu intervjuo plaĉas al vi?

Se jes! diskonigu ĝin al ĉiuj viaj amikoj, kaj informu ilin pri Esperanto-TV.
Aldone Esperanto-TV multe dankas Jonathan Cooper kaj Antonio "La Filozofo" Codazzi pro la esperantigo kaj redaktado.

La serĉanto,
Richard Delamore





Richard, ĉe la studio de iStream, la 1an de marto 2014